# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Miguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**

Estraro
Prezidanto: Miguel A. Sancho.
**Vicprezidanto: José M. Galofré.**
Sekretario: Manuel Parra.
**Kasisto: Pedro Garrote.**
**Vicsekretario: Marcos Cruz.**
**Voĉdonantoj:**
**Luis Hernández,**
**Augusto Casquero,**
**Miguel Gutiérrez.**

## Enhavo

# EXPOLINGUA 2000

## 6a — 9a de aprilo

### 12a pabiliono *Casa de Campo*

Denove HEF partoprenos la lingvofoiron EXPOLINGUA. Surbaze de la pasintajara sperto, ni organizis nian ĉeeston profitante el tio, kio montriĝis alloga por la publiko kaj plibonigante la malfortajn flankojn kiujn ni rimarkis dum la pasinta eldono.

La celoj proponitaj pasintjare daŭre validas por ĉi jaro. Ankaŭ la dumfoiraj aktivaĵoj kaj, ĉefe, nia antaŭpublika prezentado kaj de la lingvo kaj de la Federacio.

Denove ni petos subvenciojn. Estas jam faritaj la demarŝoj ĉe la Ministerio pri Kulturo —same kiel pasintjare—, kaj ankaŭ ĉe Caja Madrid kaj Fundación Soler.

Estis la plano eldoni por ĉi foiro, belan, modernan kompletigan informilon de la pasintjara triptiko. Manko de tempaj kaj buĝetaj rimedoj ne permesis tion. Tamen, ĝi restas kiel celo de venonta Expolingua.

Buĝeto, tamen, permesis la "printadon" de globkrajonoj surhavantaj la vorton ESPERANTO, la oficejan telefonnumeron kaj nian retadreson. Oni disdonos ilin inter la partoprenontoj de la ludo-testo. Same kiel pasintjare, ni lotumos po unu korespondan kurson ĉiutage.

La foir-organizantoj prezentis por ĉi eldono plurajn novaĵojn. Unue, plilarĝigo de la ekspozicia spaco. Tio signifas ke estos du etaĝoj por montrostandoj. Nia budo ( n-ro: 63-A) estos samgranda kiel pasintjare kaj situos en la supra etaĝo.




*Jen kelkaj bildoj de Expolingua 1999*

Due, kreado de gazetara inform-stabo por vaste diskonigi la foiron inter la amaskomunikiloj. HEF jam sendis informon pri la novaĵoj prezentotaj dum la foiro, inter ili, la tuja posta okazo de la HEF-kongreso en San Sebastián de los Reyes.

Trie, baldaŭ ekfunkcios retpaĝaro de Expolingua, verŝajne laŭ la tipo "www.expolingua.es". Sur la unua paĝo aperos la listo de ekspoziciantoj kaj eblos krei ligilon de tie al la retpaĝoj de HEF. Kompreneble ankaŭ HEF aperos sur tiu ekrano.

Ĉi tiuj iniciatoj de la organizantoj de Expolingua, ĉefe la du lastaj, estas laŭdindaj ĉar tiel ekspoziciantoj multe pli bone povas profiti el sia partopreno en la foiro el ĉiuj vidpunktoj.

Ankaŭ ĉijare ni antaŭvidas pozitivan rezulton.

*Miguel Ángel Sancho,*

# 59a Hispana Kongreso de Esperanto

## SAN SEBASTIÁN DE LOS REYES

Nu, kie finfine okazos la 59a Hispana Esperanto-Kongreso? Ĉu en Madrido, ĉu en San Sebastián de los Reyes?

Ni pensu ke Madrido estas grandega urbo kaj, kiaj ĉiuj tiaj urboj ĝi havas grandajn ĉarmojn, multajn avantaĝojn, sed ankaŭ kelkajn malavantaĝojn kiujn, ni madridanoj, pli malpli gaje kaj stoike, ĉiutage eltenas. Jes, vi divenis: temas ĉefe pri la longaj distancoj kaj, sekve, la temporaba vojaĝado por trairadi la urbon.

Nu, tiujn etajn malavantaĝojn ankaŭ ĝuos, kompreneble, la kongresanoj. San Sebastián estas urbeto kun sendependa registaro, kiun tamen, oni povus konsideri simple kiel madridan kvartalon, pro ĝia proksimeco. Por iri tien de Madrido (Plza. de Castilla), ni bezonas malpli da tempo ol por trairi Madridon de unu ekstremo al la alia. Apud ĝi situas la urbeto Alcobendas. Tiom proksimaj ili estas, ke por iri de unu al la alia, sufiĉas transiri straton!

**Nia kovrilo:**

Marcos Cruz, juna, laborema kaj inteligenta estas unu el la valoraj membroj de la Loka Kongresa Komitato.



San Sebastián montriĝis plej taŭga kongresurbo. Unue, la urbestro simpatias la lingvon kaj metis je nia dispono (senpage) ĉiujn rimedojn eblajn. Due, la kongresejo estas dotita de modernaj teknikaĵoj tiel ke ni povos fari samtempan tradukadon de la prezentotaj prelegoj (kio permesos al ni montri nin antaŭ la ekstera publiko), kaj kompletigi ilin per projekciado de ĉiaspecaj bildoj. Trie, ili anoncos la kongreson en sia propra municipa ĵurnalo, *La Plaza de la Constitución*, kaj invitos lokajn ĵurnalistojn.

Por profiti ĉion ĉi kaj iel reciproki la urbestrarajn komplezojn, ni faros la kongreson malferma kaj senpaga por la loĝantaro de San Sebastián. La dumkongresa kurso, gvidota de Antonio Valén, estos aparte reklamita de la antaŭe menciita municipa ĵurnalo.

Ni planas la okazigo de du prelegoj el ekstermovada rondo, kiuj okazos en la hispana kun samtempa traduko en esperanton. Unu el ili estos farita de profesorino el la Madrida Aŭtonoma Universitato, Amelia Fernández, fakulo pri filologio. Ŝi prelegos pri Historiaj kriterioj

por la lingvo-defendo. Temas pri lingvoj ĝenerale, sed evidentiĝos ke esperanto sekvas la samajn vojojn, ĉi-rilate, ol ĉiu ajn vivanta lingvo. La alia prelegonto estas aktivulo de Amnestio Internacia, kaj la temo rilatos ĉefe al agado plede al homaj rajtoj en nia nuntempa mondo.

Krom ili, ankaŭ estos ĉe ni konataj geesperantistoj: Miguel Fernández, Sabine Trenner, Jorge Camacho, David Galadí, Miguel Ángel Sancho..., kies esperantaj prelegoj estos tradukataj en la hispanan. Vidu pliajn detalojn en la provizora programo.

Krom prelegoj, estos aliaj interesaj aktivaĵoj kia la literatura ateliero, gvidota de Jorge Camacho (ne forgesu kunporti viajn verkojn se vi intencas partopreni), la seminario pri solvoj de konfliktoj, sub la gvido de Sabine Trenner, la kvizo, organizota de Liven Dek kun interesaj premioj, kaj la aktiviga teatrumado, de Sabine Trenner (bv. lasi viajn timemon kaj hontemon hejme).

Ankaŭ estos diversaj atelieroj, kun ankoraxu ne fiksitaj temoj, organizotaj de David Trigo, celantaj ĉefe junulojn, sed... ne nepre. Kompreneble, ne mankos la oficialaj kunsidoj. Kaj ĉar ni ne rezigni tion, ke io el la programo okazu en Madrido mem, estos du vesperaj promenadoj en la historia madrida urbocentro, gvidataj de Carmen Suárez. Diboĉado posta estos laŭvola. Kiel postkongresa fermo, Miguel Fernández gvidos viziton en la muzeo El Prado, la 2an de majo. Poste, tiuj ŝatantoj de popolaj kunmanĝadoj, estas invititaj de la urbodomo de San Sebastián partopreni la t.n. *caldereta popular* (kaldrona kuiraĵo), en *Dehesa Boyal*, ĉeurba parko, okaze de la madrida komunuma festotago.

Kaj ni alvenas al la komenciĝo. La programo jes, ja estas tre interesa, sed ĉu ne la malkonforto por la kongresanoj estos granda pro la malproksimeco de la kongresejo?

Por laŭeble mildigi ĝin la organizantoj aranĝos dumkongresan senpagan itineron busan, el la centro de Madrido ĝis San Sebastián, kun pluraj haltoj suvoje, tiel ke la partoprenantoj povos konforte atingi la kongresejon. Ankaŭ estas, kompreneble, la eblo uzi publikan transporton kaj privatan veturilon. Al aliĝintoj ni sendos detalan informon pri ĉio. Konsultu la prikongresan HEF-paĝon en la reto. Ni ĝisdatigas ĝin tre ofte. Vidu ke eĉ atingi Madridon estos pli malmultekoste dankĈ al favora rabatprezo de RENFE por la partoprenantoj de la kongreso. Se vi jam aliĝis, gratulon!, vi multe ĝuos. Se ne, kion vi atendas?



ALDONAJ INFORMOJ

* ttt-paĝoj: http://www.esperanto-es.org klaku sur ligilon "KONGRESO".

* kongresa buso: horaro kaj haltejoj (la horindikoj estas proksimumaj; ni planas pli precizigi la haltejojn kaj horarojn poste, en la Dua Informilo kiun ricevos ĉiuj aniĝintoj).

29a Sabato, 30a dimanĉo, 1a majo

AL KONGRESO

9:00 Plaza de Carlos V (Atocha)

9:10 Plaza de Castilla.

9:25 Kampadejo Madrid N-I km.11

9:30 Komerca centrego N-I km 16

9:35 Av. Europa (Alcobendas), apud strato Huesca

9:45 Kongresejo

EL KONGRESO

20:30 Kongresejo

20:40 Av. Europa (Alcobendas), apud strato Huesca




20:45 Komerca centrego N-I km 16

20:50 Kampadejo Madrid N-I km.11

21:05 Plaza de Castilla

21:15 Plaza de Carlos V (Atocha)

## Alvoko al Ĝenerala Ordinara Kunsido

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en San Sebastián de los Reyes (Madrid), kadre de la 59a Hispana Kongreso, la 1an tagon de majo je la 11:30, por pritrakti jenan tagordon:

1. Lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido (Castellón, 19a de julio 1999)
2. Lego kaj eventuala aprobo de la dokumentoj prezentendaj al la Ministrejo de Enlandaj Aferoj. (Resumo de ili troviĝas en apudaj paĝoj, ĉi-numere.)
3. Diskuto kaj eventuala aprobo de la Regularo pri kongresoj.
4. Demandoj, petoj, proponoj.

La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho

## 59a Hiispana Kongreso de Esperanto

# Provizora Programo

PRELEGOJ:

— Miguel Fernández
Nuntempaj esperanto-poetikoj
— Sabine Trenner
Paclaboro en Bosnio post la milito
— Jorge Camacho
Festprelego.*
— Amelia Fernández
Historiaj defend-kriterioj de la lingvo.*
— Miguel Ángel Sancho
Informadika balotkontrolado
Prezento de HEF-retpaĝaro
— David Galadí
Kial ne ekzistas verdaj steloj?

ALIAJ AKTIVAĴOJ:

— Jorge Camacho
Literatura ateliero
— Antonio Valén
Esperanto-kurso por komencantoj *
— Liven Dek
Kvizo (konkurso!)
— Sabine Trenner
Aktiviga teatrumado
Vojoj el la konfliktoj — traktado de aliaj opinioj
— Carmen Suárez
Vesperaj madridaj trarigardoj

POSTKONGRESAJ AKTIVAĴOJ
— Miguel Fernández
Vizito al la muzeo El Prado
— Ayuntamiento de SSRR / Urbestraro
Senpaga kaldrona kuiraĵo ĉe bruta paŝtejo *

OFICIALAJ KUNSIDOJ

— Kongresa malfermo
— Ĝenerala asembleo
— Estrarkunsido
— Patronara kunsido de Fundación Esperanto
— Kongresa fermo



# Donacoj

plu... Jaro 1999
24.04.99 Pepe Botella . . . . . . 200
18.05.99 Pere Juliá . . . . . . . . 900
13.08.99 Alfonso Escamilla . 900

Jaro 2000
02.01.00 David Trigo . . . . . . 416
17.01.00 Josep Sardá . . . . 1.672

Uzu por viaj donacoj al HEF
La bonan konton:

**Caja Postal**

**14.011.966**

# RESUMO DE LA JARRAPORTO 1999

**Aktivaĵoj ĉefe en rilato kun la membroj**

1. Oficejo

1.1. Administrado de kotizoj kaj servoj. Perado de kotizoj por UEA.

2. Eldonaĵoj

2.1. Boletín

3. Kongresoj

3.1. Hispana Esperanto-Kongreso. Castellón de la 17a ĝis la 21a de julio.

3.2. Partopreno de HEF en la UK, okazinta en Berlín, pere de reprezentantaj membroj.

**Aktivaĵoj por la publiko ĝenerale**

1. Kursoj

1.1. Perkoresponda kurso

2. Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

2.1. Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

2.2. Valencia Universitato. Esperanto-kurso en la Filologia Fakultato gvidata de A. Casquero, kun oficiala valoro de du kreditoj.

2.3. Autonoma Barcelona Universitato.Esperanto-kurso organizita de Kultura Asocio Esperantista, kun oficiala valoro de tri kreditoj.

2.4. Universitato Carlos III de Madrid. HEF havigas al profesorino Carmen Díez kaj al entreprenisto Carlos González, bezonatan informon pri la funkciado de E-o, cele al disvolviĝo de projekto pri kreado de voĉa internacia lingvaĵo utila por interkomunikiĝi kun maŝinoj.

2.5. UEA. Petite de Renato Corsetti. Traduko en la hispanan kaj la katalunan de invito al profesiaj lingvistoj partopreni ĉi-jaran UK-on. Ĝi estis sendita al pli ol 30 universitatoj kaj al 3 prilingvaj asocioj.

2.6. Mezlernejo "Infante D. Juan Manuel" (Murcia). Kurso gvidata de Jesús de las Heras, instruanto de tiu mezlernejo.

2.7. Studentoj. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo aŭ la esperanta movado por plenumi siajn akademiajn taskojn.

2.8. Filmoteca Española. HEF havigis al Luciano Berriatúa la tekston de la esperanta himno.

3. Eldonaĵoj

3.1. Informa triptiko Esperanto, una cultura viva. Eldoniĝis 5000 ekzemplerojn okaze de nia partopreno en Expolingua.

4. Disvastigo

4.1. Expolingua. De la 22a ĝis la 25a de aprilo. Unuafoja partopreno de HEF en ĉi-tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: distribuado de pli ol 2000 triptikajn ekzemplerojn, distribuado de pli ol 1000 ludo-testajn ekzemplerojn, ĉiutaga lotumo de perkoresponda kurso, ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp., konsultebleco de la HEF-paĝoj, spektado de la video-kurso "Mazi en Gondolando", inform-distribuado pri esperanto kaj HEF.

4.2. HEF sisteme distribuas la Manifeston de Prago.

4.3. Daŭra distribuado de la broŝuro Pro-Esperanto inter amaskomunikiloj kaj interesiĝantoj.

5. Amaskomunikiloj

5.1. HEF, pere de s-ro M. Pancorbo, regule sendas komunikojn al ĉefaj ĵurnaloj kaj novaĵagentejoj pri ĉefaj okazintaĵoj rilate al esperanto.

5.2. Kelkaj amaskomunikiloj intervjuis plurajn membrojn de HEF.

6. Internet

6.1. HEF disponis informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj.

7. Libroservo (vidu aparte)

8. Perado de revuoj

8.1. HEF peris la revuojn Eventoj, Kontakto kaj Esperanto.

9. La Biblioteko daŭre kreskis.

10. Aliaj aktivaĵoj

10.1. Kampanjo 2000.

10.2. Akademio de Esperanto. Membro de HEF, Jorge Camacho, estas akademiano.

*Manolo Parra, Sekretario*

# D.E.I.

Por daŭre aliri la publikon en deca maniero, HEF bezonas pli da elspezoj kiuj, en la nunaj cirkonstancoj, povas veni el esperantistoj konsciaj pri la graveco de tiu agado. Nur ilia kontribuo helpos diskonigi Esperanton inter la ĝenerala publiko. Tial HEF starigis DEI, t.e. konton de Donacoj por Ekstera Informado.

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo | 45.000 |
| Pedro Garrote | 5.000 |
| Carme Llapart | 20.000 |
| Ĝisnuna sumo | 70.000 |

Se vi opinias ke la Ekstera Informado estas grava, kontribuu pere de la bona konto de HEF: n-ro 14.011.966 Ĉe Caja Postal, klare indikante "D.E.I."

# HEF informas ke...

* HEF ligis siajn retpaĝojn al la fako pri lingvoj de la konata hispanlingva retserĉilo *Olé*, kio ebligos anonci la korespondan kurson de nia Asocio.

* HEF mendis 1000 bulkrajonojn kun surskribo "ESPERANTO — 914 468 079 — www.esperanto-es.org", kun la celo "prunti" ilin al la partoprenantoj de nia konkurso en Expolingua.

* Ĉe la granda laboro postulita de la organizado de Expolingua kaj la Hispana Kongreso, la HEF-Estraro rezignis eldoni ĉi jare sian novan propagandilon (grandan faldfolion) por uzado ĉefe en Expolingua (vidu Boletín 344, 2a paĝo).

* HEF sendis donace po unu ekzempleron de la lernolibro "Esperanto. Curso del idioma internacional" al la landaj asocioj de Kosta-Riko, Meksiko, Kolombio, Venezuelo, Kubo kaj Argentino, laŭ la peto de Atilio Orellana, UEA-respondeculo de la Fondaĵo Ameriko kaj vicprezidanto de ILEI. La librojn donacis la eldonisto.

* Estas 30 elcenta rabato por la t.n. "*trenes de Grandes Líneas*" kaj "*trenes Regionales y de Cercanías*" kun la "tarifo 228". Tio validas nur por la Kongreso, de la 24a de aprilo ĝis la 6a de majo de 2000. Oni devas prezenti pruvilon (kiun havigos la organizantoj al partoprenontoj kune kun la konfirmilo de aliĝo) en la momento de la bilet-aĉeto.

Ana Manero.

# Libroservo: ingresos y gastos 1999

## Ingresos

| | |
|---|---|
| Anterior | 19.114 |
| Venta de libros | 647.524 |
| Total ingresos | 666.638 |

## Gastos

| | |
|---|---|
| Compra de libros | 446.886 |
| Transporte de libros | 27.059 |
| Material de oficina | 26.628 |
| Tasas Apartado | 2.576 |
| Registros giro | 2.430 |
| Sellos | 46.960 |
| Catálogo | 57.584 |
| Gastos bancarios | 4.870 |
| Reparaciones | 4.930 |
| Devolución reembolso | 463 |
| Cuia código postal | 350 |
| Teléfono | 2.357 |
| Otros | 275 |
| Total gastos | 623.368 |
| SALDO | 43.720 |

**Komento**

La agado de Libroservo de HEF daŭre disvolviĝis en 1999 same kiel en pasintaj jaroj, tamen kun notinda malkresko en la disvendado.

Strange, dum la lastaj jaroj la disvendado de libroj falis en nia lando dum ĝi forte kreskis ĉe UEA. Fakte, la malbonaj rezultoj en la lasta kongreso grave influis en la fina rezulto de niaj vendoj.

Do, kun la celo solvi la "problemon" oni lanĉis kelkajn ideojn kies efektivigo dependos grandparte de la nova situacio kreota post la ekfunkciado de la nova valuto, t.e. la eŭro.

*Luís Hernández*, Valladolid, diciembre 1999

www.esperanto-es.org

# HEF: Cuenta de pérdidas y ganancias.

| DEBE | Ejercicio 99 |
|---|---|
| A) GASTOS | 2.005.955 |
| A2. Aprovisionamientos | 66.191 |
| a) Consumo de mercaderías | 66.191 |
| 600 COMPRAS DE MERCADERÍAS | 333.957 |
| 610 VARIACIÓN DE EXIST. DE MERCAD. | -267.766 |
| A4. Dotaciones amortización inmovilizado | 258.500 |
| 682 AMORTIZ. INMOV. MATERIAL | 258.500 |
| A6. Otros gastos explotación | 1.599.194 |
| a) Servicios exteriores | 1.596.769 |
| 622 REPARACIONES Y CONSERVACIÓN | 3.330 |
| 625 PRIMAS DE SEGUROS | 8.334 |
| 626 SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 40.279 |
| 627 PUBLICID. PROPAG. Y RELAC. PUBLIC. | 971.460 |
| 628 SUMINISTROS | 223.856 |
| 629 OTROS SERVICIOS | 349.510 |
| c) Otros gastos de gestión corriente | 2.425 |
| 655 Pérdidas de cuotas incobrables | 2.425 |
| AII. RESUL. FINANC. POSITIVOS (B5+B6+B7+B8-A7-A8-A9) | 91 |
| AIII. BENEF. ACTIV. ORDINARIAS (A1+AII-B1-BII) | 0 |
| A13. Gastos extraordinarios | 49.900 |
| 6781. OTROS GASTOS EXTRAORDINARIOS | 49.900 |
| AV. BENEF. ANTES DE IMPUESTOS (AIII+AIV-BIII-BIV) | 0 |
| A15. Impuesto sobre sociedades | 32.170 |
| 630. IMPUESTO SOBRE BENEFIC. | 32.170 |

| HAVER | Ejercicio 99 |
|---|---|
| B) INGRESOS (B1 a B13) | 1.525.154 |
| B1. Importe neto de cifra negocios | 1.515.063 |
| a) Ventas | 143.752 |
| 700. VENTA DE MERCADERÍAS. | 143.752 |
| b) Prestaciones de servicios | 1.371.311 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 126.337 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS. | 30.740 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS. | 1.150.028 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS | 64.206 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 10.000 |
| a) Ingresos accesorios y otros | 10.000 |
| 759. INGRESOS POR SERV. DIVERSOS | 10.000 |

| | |
|---|---|
| I. Pérdidas de explotación (A1+A2+A3+A4+A5+A6+B1-B2-B-3-B4) | 398.822 |
| B7. Otros intereses o ingresos asimilados | 91 |
| c) otros intereses | 91 |
| 7690. INGRESOS DIF. REDONDEO EURO | 91 |
| BIII. PÉRDIDAS ACTIVID. ORDINARIAS (B1+BII-AI-AII) | 398.731 |
| IV. Result. extraord. Negat. (A10+A11+A12+A13+A14-B9-B10-B11-B12-B-13) | 49.900 |
| BV. Pérdidas antes de Impuestos (BIII+BIV-AIII-AIV) | 448.631 |
| BVI. RESULTADO EJERCICIO (Pérdidas) (BV+A15+A16) | 480.801 |

## HEF: Balance de Situación.

| **ACTIVO** | **Ejercicio 99** |
|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 10.809.896 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 10.809.896 |
| 1. Terrenos y construcciones | 10.000.000 |
| 221. CONSTRUCCIONES | 10.000.000 |
| 3. Otras instalaciones,ut. y mob. | 1.033.912 |
| 225. MOBILIARIO | 358.134 |
| 226. EQUIPOS PROCES. INFORM. | 675.778 |
| 4. Anticipos e inmoviliz. mater. en curso | 292.984 |
| 232. BIBLIOTECA | 292.984 |
| 7. Amortizaciones | -517.000 |
| 282. Amortiz. acumul. inmovil. mater. | -517.000 |
| D) ACTIVO CIRCULANTE | 1.907.478 |
| II. Existencias | 456.687 |
| 1. Comerciales | 456.687 |
| 300. LIBROS PARA VENDER | 456.687 |
| III. Deudores | 343.519 |
| 4. Deudores varios | 343.519 |
| 440. DEUDORES | 10.000 |
| 447. PATROCINAD. AFILIAD. Y OTROS | 34.650 |
| 553. C.C. CON SOCIOS Y ADMINISTRADORES | 298.869 |
| VI. Tesoreria | 736.874 |
| 570. CAJA PESETAS | 74.635 |
| 572. BANCOS E INST. CREDIT. C.C. VISTA | 662.239 |
| VII. Ajustes por periodificación | 370.398 |
| 480. GASTOS ANTICIPADOS | 370.398 |
| TOTAL ACTIVO | 12.717.374 |

| **PASIVO** | **Ejercicio 1999** |
|---|---|
| A) FONDOS PROPIOS | 12.373.987 |
| I. Capital Suscrito | 12.854.788 |

101. FONDO SOCIAL . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 12.854.788
VI. Pérdidas/Ganancias (Benef./Pérd.). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . -480.801
129. PÉRDIDAS Y GANANCIAS . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . -480.801
E) ACREEDORES A CORTO PLAZO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 343.387
IV. Acreedores Comerciales. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 251.924
2. Deudas por compras o pretaciones . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 251.924
400. PROVEEDORES . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 144.000
419. ACREEDORES POR OPERAC. EN COMÚN107.924
VII. Ajustes por periodificación. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 91.463
485. INGRESOS ANTICIPADOS . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 91.463
TOTAL PASIVO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 12.717.374

---




# Mono por la Hispana E-movado

Sur la paĝoj de Boletín 342, kaj pere de letero adresita al ĉiuj hispanaj E-grupoj, ni informis pri la kampanjo organizata de Fondaĵo Esperanto por subvencii la agadon de hispanaj grupoj kaj unuopuloj laborantaj por la disvastigo de nia internacia lingvo. La limdato por la ricevo de la projektoj estis la 1a de decembro. Informoj pri ĉi tiu kampanjo aperis eĉ en ne-esperantistaj revuoj, ekz. sur la revuo de la ONCE (Hispana Organizo de Blinduloj) *Perfiles*. Ni dankas al ĉiuj grupoj kaj personoj kiuj prezentis siajn projektojn kaj ni taksas altvalorajn ĉiun proponojn de ili prezentitaj. Fine, la Patronaro de la Fondaĵo Esperanto decidis helpi jenajn agadojn:

* Oni asignas 40.000 ptojn al Kultura Asocio Esperantista de Sabadell (Barcelono) kiu organizis elementan kurson de Esperanto en la Aŭtonoma Universitato de Barcelono fine de 1999. Ĉi tiu mono utilos, laŭ KAE, por pagi la deficiton kaŭzitan de la organizado de la kurso.

* La Fondaĵo subvencios la Esperantistan Grupon de Bilbao per 46.000 ptoj. La eŭska grupo petis mon-helpon por pagi la librojn donacitajn de ili al la Kultur-centro *Koldo Mitxelena* (20.000 ptoj) kaj la eldonadon de inform-afiŝoj kaj la aranĝon de konstanta inform-telefono de la grupo (26.000 ptoj). La Estraro de la Fondaĵo decidis subvencii nur la eldonadon de inform-afiŝo kaj la aĉeton de inform-telefono, sed ne la donacon de libroj. Esceptokaze oni asignas al la Esperantista Grupo de Bilbao la tutan subvencion petatan, t.e. 46.000 ptoj.

* Oni aprobas la peton de la Asociación Cordobesa de Intérpretes de la Lengua de Signos ACOILSE (Kordova Asocio de Interpretistoj de la Lingvado de Signoj (por surd-mutuloj) ACOILSE. Ĉi tiu ne-esperantista asocio sciis pri la ekzisto de nia kampanjo danke al la informoj de la revuo *Perfiles*. Ili petis 80.000 ptojn por organizi kursojn de Esperanto kaj por eldoni broŝuron pri nia lingvo. Oni akceptas la subvenci-peton de ACOILSE, tamen

respondecos pri la ĝusta aplikado de la mono por tiuj celoj ne ACOILSE sed la Grupo Esperantista de Kordovo.

* Oni asignas subvencion al Hispana Esperanto-Federacio por la aranĝado de la standoj en Expolingua (de la jaroj 1999 kaj 2000). Oni metas je la dispono de HEF por tiu celo 80.000 ptojn.

* La Esperanto-Grupo de Valencio petis subvencion cele helpi la vojaĝon al Festivalo de Popolaj Orkestroj en Pollando, organizata de esperantistoj. Kvankam tiu ne estas specifa esperantista agado, la Patronaro alte taksas ke la Valencia Grupo organizas sukcesegan E-kurson en la Valencia Universitato. Do, denove esceptokaze, la Fondaĵo Esperanto asignas al la Valencia E-grupo 80.000 ptojn.

Alie, la Fondaĵo Esperanto elspezis dum la jaro 1999 24.000 ptojn por sia administrado.

Do, la Patronaro konsente kun la Direktoro de la Fondaĵo likvidis la buĝeton de la jaro 1999 konsistanta je 350.000 ptoj laŭ la petoj de la E-Grupoj. Estonte oni konsideros nur la projektojn realigotajn, ne tiujn jam realigitajn. Ni dankas la kunlaboron kun ĉi tiu programo al ĉiuj hispanaj E-grupoj taksante pozitiva la gravan laboron plenumitan de ili ĉiuj por la disvastigo de Esperanto en Hispanio.

Fine, nur informi al la hispana esperantistaro ke ĉi tiu Fondaĵo ricevas siajn enspezojn danke al la malavaraj mon-donacoj de kelkaj personoj. Ankaŭ VI povas kunlabori kun la Fondaĵo sendante Vian monan kontribuon por apogi specifan programon (subvencioj, eldonado, stipendio, konkursoj...) kaj ankaŭ pere de jara mon-donaco de Vi mem difinita. Por konsulti pri niaj agadoj aŭ pri la ebloj kunlabori kun la Fondaĵo ni estas je Via tuta dispono en nia sidejo: Fundación Esperanto, C/ Cadena 20-22 1 izq. 50001 Zaragoza, aŭ ĉe nia retadreso: <fundacion@esperanto.nu>. Se vi deziras kontribui sendu vian mon-donacon al *Ibercaja*, konto: 2085/0101-13-01-286247-62. Aŭ al: *Caja de Ahorros y Pensiones de Barcelona "La Caixa"*, Agencia Salamero en Zaragozo, konto: 2100-2149-31-0100165085.

# Fundación Esperanto daŭre subvencios apogindajn projektojn

Fundación Esperanto dankas al ĉiuj apogantoj kaj anoncas ke, konforme al siaj statutoj, ĝi daŭre subtenos la disvastigon de Esperanto en Hispanio. Sendu do viajn projektojn por la nuna jaro. La lindato de ricevo aperos en la venonta bulteno.

José María Rodríguez Hernández
Direktoro de Fundación Esperanto

## Aŭkcio

HEF aŭkcios belan antikvaĵon en la hispana Kongreso. Temas pri funkcianta tajpilo "Hispano-Olivetti" M40. La malferma prezo estas 15.000 ptoj. Nu, sendu jam vian proponon al HEF.



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Andaluzia Esperanto-Unuiĝo daŭrigas sian kampanjon sendi E-lernolibrojn al la bibliotekoj de Andaluzio. Nuntempe ricevis la libron de Miguel Gutiérrez, *Curso del Idioma Internacional Esperanto*, la publikaj bibliotekoj de jenaj vilaĝoj kaj urboj de la provinco Granado: *Algarinejo, Alhama, Almuñecar, Baza, Caniles, Cortes de Baza, Cullar de Baza, Granada, Huescar, Montefrío, Motril, Orjiva, Pedro Martínez, Pinos Puente, Salobreña, Villanueva del Mesia* kaj *Zujar*.

En la lastaj jaroj AEU sendis ekzemplerojn de tiu sama lernolibro al la bibliotekoj de la provincoj Kordovo kaj Jaeno. En la venontaj monatoj ni plu daŭrigos la kampanjon ĉe la bibliotekoj de Sevilo kaj Huelvo.

* La Sekretariino de *ACOILSE, Asociación Cordobesa de Intérpretes de la Lengua de Signo*s (Kordova Asocio de Interpretistoj de la Signad-Lingvo), kontaktis la kordovan sekcion de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo por organizi en ties sidejo elementan kurson de Esperanto. Verŝajne la kurso okazos ĉe la fino de la jaro, kaj ĝi estos organizata de ACOILSE kaj AEU. Kvankam komence oni pripensis organizi la kurson nur por membroj de ACOILSE, verdire ĝi estos malfermita por kiu ajn homo deziranta lerni la internacian lingvon.

*José María Rodríguez*

* Ĉe la TTT-ejo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo,[www.ciudadfutura.com /esperanto] aŭskulteblas la lastaj programoj "Trarigardo de Esperanto-Gazetaro", de Radio Polonia. Ankaŭ legeblas la marta numero de Nia Voĉo, bulteno de MEL, kaj konsulteblas plej nova versio de "Adresaro de Hispanaj Esperanto-Grupoj".

*José F. Martín*

## Asturio

* Aperis la 23a numero de la bulteno de Avilesa E-Grupo, "Antaŭen". Ankaŭ ĉi okaze la loka ĵurnalo abunde parolis pri la revueto, aparte menciante la forpason de la Prezidanto de la Grupo, nia kara samideano Nicolás Muñíz, kaj la partoprenon de eksterlandaj kunlaborantoj.

* Bona novaĵo, sendube, estas ke post pluraj jaroj da silento finfine aperis la 75a numero de Heleco, organo de Astura E-Asocio. La bulteno, kun 42 densaj paĝoj, prezentas interesajn artikolojn, novaĵojn kaj eĉ kuir-recepton. Ĉio ĉi dulingve: hispane kaj esperante.

* De la 14a ĝis la 17a de marto okazis la 2a Festo de la lingvoj en Gijón. Ĉi jare AEU ne nur disponis standon sed ankaŭ prezentis la prelegon "Necesidad de una lengua internacional a través de la historia" fare de d-rino María José Álvarez. Cetere, ĉ. 500 homoj, en apartaj grupoj, ricevis iaspecan unuan lecionon pri la esperanta kulturo kaj la lingvo.

*M.G.A.*




El la eŭska tradukis:
*Aitor Arana*




# Eŭskio

* La grava eŭska verkisto, kaj ankaŭ aktiva esperantisto, Aitor Arana, esperantigis la faman verkon "*Behi euskaldun baten memoria*" "Memorajôj de eŭska bovino", kies aŭtoro, Bernardo Atxaga, ĉeestos la prezentadon de la verko, en Vitorio. Al tiu prezentado estos oficiale invititaj multaj eŭskaj esperantistoj.

* Eldonita de Alava Esperanto-Asocio, aperis trilingva libro (Esperanta-Hispana-Eŭska) kun du rakontoj de Ignacio Aldecoa (Vitoria, 1925 / Madrid, 1969). La 2 rakontojn esperantigis Istvan Ertl kaj Miguel Fernández. Unu el la eŭskaj tradukoj ŝuldiĝas al bilbaoano Joxemari Sarasua.

Kompreneble, kaj la libron de Aldecoa kaj la libron de Atxaga oni povas mendi ĉe la Libroservo de HEF.

* La revuo "Galea" el urbo Getxo (10 Km. norde de Bilbao), laŭ peto de ĝia redaktoro, aperigos artikolon pri Esperanto. Ĝi estis verkita de Miguel Garcia Iturrioz kaj temas pri enkonduko al la bezono havi internacian lingvon kaj al Esperanto, kiel vivanta kaj efika ekzemplo.

* La venontan kurson, 2000/01, se nenio ĝin malhelpos, en la "Porinstruista Lernejo" ("Escuela de Magisterio") de Bilbao, apartenanta al la Vaska Universitato (UPV/EHU), estos oficiale agnoskita E-kurso, kiel elektebla studobjekto, je valoro de 4,5 kreditoj. La kurson gvidos nia samideano Miguel Garcia Iturrioz kun la helpo de Miguel Gutiérrez Adúriz.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

# Kanariaj Insuloj

ESTO kunlaboras en Universitata kurso (vd. 16an paĝon).

Kontinuas sur la 18a paĝo ▷▶

## Instruilo

Aperis "Okulo, kajero 1" de Stefan MacGill. Ĝi estas ilustrita internacia lernolibro por komencantoj, rekomendata kaj speciale verkita por la projekto "Interkulturo". La libro volas sproni dialogadon kaj aktivan paroladon, pere de simplaj frazoj, tuj de la komenco de la kurso. La kajero utiligas 280 radikojn, el kiuj 40 estas verboj. Fine de la libro troveblas alfabeta vortlisto kaj enhav-tabelo de bezonataj vortoj kaj prezentitaj strukturoj.

## Helpiloj

Du interesaj aranĝoj okazos, (verŝajne ili jam okazis kiam vi legos ĉi liniojn) en la Valencia-Murcia Kongreso en Requena. Temas pri la prelego de Juan Antonio Giménez "Konsiloj al memlernantoj", kaj la "Prezentado de nova E-kurso en CD-rom", fare de la auxtoro, Francisco Muñoz Garre.

*A. Casquero*

## 501 studentoj

501 universitataj studentoj klasaniĝis al Esperanto-leciono, kiu okazis en la Universitato Dankook en Seulo, Koreio. La unua semestra kurso daŭros 4 monatojn. LEE Jung-kee docentas. Tiuj, kiuj volas korespondi kun ili, bv. turni sin al: "esperant@ unitel.co.kr" Hejmpaĝo: "www. esperanto.co.kr".

## Mazi plu

Internacia Esperanto-Instituto (IEI) planas la aperigon de novaj helpiloj ligitaj al la filmo "Mazi en Gondolando" kaj tiucele ĝi enketis por koni la opinion de la E-instruistoj.

Inter la demandoj oni trovas jenajn: Ĉu la kompleto de "Mazi en Gondolando" kontentigas viajn atendojn pri nova kaj moderna lernomaterialo? Kion vi nepre ŝatus aldoni al la nuna materialo kiel helpilon por taŭge instrui Esperanton pere de "Mazi"? Se vi opinias, ke la Mazi-materialo nur taŭgas por gejunuloj/infanoj, ĉu vi dezirus alian novan materialon?, ktp.

*Maria Zocato Diez*

## Universitate

Kontentige komenciĝis la "3-kredita" kurso "Esperanto kaj ĉi ties kulturo", pasintan 29an de februaro, ĉe la Filologia Fakultato de La Laguna. Prof. Alejandro López de Vergara estas ĝia direktoro. Kunlabore helpas kelkaj anoj de ESTO, kiuj prelegos pri diversaj temoj rilate al la esperantaj historio kaj kulturo.

*Prof. Leandro Trujillo*

Ins



T

Gvidata de
Guerrero, la te
prezentos kurson
okazos ĉiun duan
estos ripetata dum
Ĉi tiu kanalo e
kataluna zono
Hospitalet, sed a
kaj en la tuta Kata
se via televidilo
teknikajn rimedoj
La kurso jam f
marto, je la kvar
sed por plej bo
skribi al: Ca
Ferrocarrils Catal
Cornella de Llo
Fakte viaj le
Kanalo-responde
konsideri la prez
*Luis Serrano*

# truado



uno Martí
Kanalo-54
peranto. Ĝi
n, kvankam
najnotagoj.
ebla en la
Llobregat,
Barcelono
Hispanujo,
a necesajn

kde la 2a de
sttagmeze,
nado, volu
Passeig
19; 08490
Barcelona).
stigos la
li avore
e la kurso.

## Esperanton en Salamankon



Efektive, kun duobla n-finaĵo! Mi klarigu de la komenco. Du studentoj de la unua studjaro pri hispana filologio en la universitato de Salamanko, bilbaano Christian Tricio kaj leonano Javier Pérez, eklernis esperanton tuj post interkonatiĝo, en oktobro 1999. Kun la helpo de sia profesorino pri lingvistiko, Mercedes Marcos Sánchez, kaj pere de la Centra Oficejo de HEF en Madrido, ili invitis min prelegi pri esperanto ĵaŭde, la 13an de januaro, en la Ĉefa Aŭlo de la salamanka universitato, en la t.n. kolegio Anaya. Ambaŭ studentoj atendis min samtage en la trajna stacidomo kaj tuj poste ni iris renkonti la profesorinon kaj profesoron pri literaturo Antonio Sánchez Zamarreño, tre favorajn al esperanto, al kiuj mi transdonis plurajn librojn donacitajn de HEF por la fakultata biblioteko ("Don Quijote", "Sanga nupto", lernilojn ktp). La prelego, *El esperanto: fenómeno de la comunicación* (ne originala titolo, mi perfekte scias de kie mi plagiatis ĝin) okazis je la 20a horo kaj ĉeestis 28 personoj inter studentoj (ĉefe), instruistoj kaj profesoroj. Mi parolis dum 35 minutoj iom laŭ la tono de la libro "Esperanto sen mitoj", laŭtlegis mian poemon "Irako" dulingve, kaj poste respondis al la tre diversaj demandoj de la publiko, montrantaj efektivan interesiĝon. Ĉeestis "inkognite" pola studento de la universitato, Leszek Czerwinski, kiu tiel konatiĝis persone kun la aliaj du esperantemuloj sam-urbaj. Espereble tiel nia lingvo (re?)ekvivos en Salamanko, urbo sen loka grupo, delegitoj de UEA ktp.

Post la prelego oni daŭrigis la temon neformale, surstrate (kia plezuro en tiel bela urbo, malgraŭ la temperaturo!). Fine restis nur la tri studentoj kaj mi konversaciante esperantlingve en kafejo (por la du hispanoj tiu estis la unua tago, kiam ili uzis la lingvon parole, ne nur libre aŭ interrete — ja ĉi tiel ili ricevis plej multe da informoj kaj mem eklernis, sen instruisto).

*Jorge Camacho*

▶▷ Venas el la 15a paĝo.

# Kantabrio

Jam de la komenco de ĉi jaro ACE disponas poŝ-telefonon, kiu funkcias dum oficejaj horoj (8 horoj) ĉiujn labortagojn de la semajno. La numero estas 676-27-50-60.

*Maria Zocato Diez*

# Katalunio

* Kultura Asocio Esperantista (KAE) disponigas al la E-movado, kaj precipe al la kantalanlingvanoj, kurson de Esperanto per korespondado en la kataluna lingvo. Pliajn informojn: KAE. Montseny 5, pis 08208 Sabadell. aŭ ĉe ĝia direktoro: Santiago Torne i Grau; C/ Roca 22, 3-er, 1; 08208 Sabadell. Retadreso: "luis_serrano @mixmail.com".

* Vortaro kataluna-Esperanta estas nuntempe preparata.

* Kadre de la 8a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, okazonta en Blanes (Girona) de 00.09.30 ĝis 00.10.07, okazos ILEI-ekzamenoj de elementa nivelo, gvidataj kaj sub la kontrolo de Carla de Lorenzi, membro de ILEI-estraro. Informas: Luis Serrano; Font Nova 32; 08202 Sabadell.

* Daŭre okazas la tiel nomataj "Babiladoj" organizitaj de KAE. La 20an de februaro en la fervojista klubo pri "Kial sendi tiujn raketojn al la luno aŭ al aliaj planedoj? kaj la 26an de marto en Terrassa pri "Migrado, enmigrado, elmigrado".

*Luis Serrano Pérez*



Decembre ce BEC. Supre: Manuel de Seabra prelegas okaze de la Z-tago ce BEC. Sube: la lernantaro montras la ricevitajn diplomojn.

* Pro reorganizado de Barcelona Esperanto-Centro bonvolu sendi ĉiajn korespondaĵojn (leterojn, revuojn, ktp.) al: BEC; Apartado 23484; 08080 Barcelono.

* Post la aperigo de du pagitaj anoncoj en la ĵurnaloj "Avui" kaj "El Periodico" kaj la disdonado de pli ol 2000 ekzemplerojn de la triptika informilo "L'Esperanto Patrimoni de la Humanitat", BEC komencis du novajn kursojn: unu por komencantoj kaj alia por progresintoj.

* Korea E-Asocio petis al BEC permeson por eldoni la korean version de la verko de nia eminenta verkisto Giordano Moya "Esperanto en prospektivo". Se iu volas posedi ekzempleron rekte kontaktu BEC-on.

Salvador Aragay

# Tutlande

* En la revuo de la sindikato CNT (januaro-2000, 30a paĝo) aperas foto kun informo pri la e-kurso okazinta en *Hervás* (Cáceres) la pasintan decembron (vidu Boletín 344).

*Manolo Parra*

* Pozitive pri Esperanto en Internet parolis Pilar Socorro la 23an de februaro ĉe la matena programo de la Nacia Radio (*Radio Nacional*).

* Samideano Jesuo de las Heras invitas vin konsulti sian novan retpaĝaron ĉe jena adreso:"http://www.iberprofe.com/webs/esperanto.html"

*Maria Zocato Diez*

* En la pasinta balotado por Kataluna Parlamento, Julio Anguita, en mitingo okazinta en Sabadell, diris: "estas bone regi la du lingvojn, la katalunan kaj la kastilian kaj por la internaciaj rilatoj oni devas uzi tiun belan kaj mirindan lingvon, kiu estas esperanto."

* S-ro Ricardo-Felipe Albert Reyna fintradukis la Fundamentan Instruon de Uonbulismo, la kernan instrulibron de uonbulismo en la hispanan lingvon. Li tradukis ĝin el la Esperanta versio de la libro, kies originalo estas en la korea. La hispana versio aperis pasintan oktobron. Danke al tio ĉe la eklezio de uonbulismo Esperanto montriĝis bona pontolingvo por traduki ĝiajn sanktajn librojn. La interreta versio de troviĝas ĉe "http://won.wonbudhism.Or.kr/~esperant/s-libroj/sain.html

*Choe Taesok*

* Laŭ invito de TV-2, Barcelona E-Centro partoprenis en la ellaborado de aparta programo de "Saber y ganar" (Scii kaj gajni) dediĉita al lingvoj. Oni elsendis ĝin la 24an de februaro.

Salvador Aragay

# Valencio

* La programo *Solidaris* de la valencia televidkanalo "Punt 2" malfermis sin al Esperanto pere de la prezidanto de Valencia Esperanto-Federacio, Augusto Casquero. Li kaj aliaj samideanoj, nome José Pérez Sempere, prezidanto de Grupo Esperanto de Valencia, Jana Bermellova (ĉeha esperantistino loĝanta en Valencio), kaj la prezidanto de Germana Esperanto-Federacio, Rainer Kurtz (tiam vizitanta Valencion), estis longe intervjuataj. La programo, kiu prezentis tre favoran bildon pri Esperanto, temis pli konkrete pri la solidaraj aspektoj de la internacia E-movado.

* La 11a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio kaj Murcio okazos en Requena la 1an kaj 2an de aprilo La kongrestemo estos E-instruado (vd. 16an paĝon).

* La 2a Mediteranea Kultura E-Semajno okazos en la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencio de la 10a ĝis la 15a ded julio. Kongreseja adreso: Avenida Blasco Ibáñez, 32, Valencia. Kaj la Konstanta adreso: A. Casquero; Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 Valencia.

Kastelo Grésillon
F-49150 Bauge
CCP. Nantes 1485 39 P
Francio
Tel:02.41.89.10.34



# Ĉirkaŭ la mondo

## Katolikoj

De la 31a de majo ĝis la 4a de junio okazos en Hamburgo la 94a Germana Katolika Foiro kun pli ol 50.000 partoprenantoj. Dum en antaŭaj jaroj en grandaj kristanaj aranĝoj oni evitis diskuti pri lingvaj problemoj, la invito al la Katolika Foiro en Hamburgo eksplicite mencias, ke oni celas i.a. trovi respondojn al la demando "Kiamaniere la tutmonda interna komunikado en la eklezio povas sukcesi pli bone?" Sekve unuafoje en la historio de germanaj katolikaj foiroj la organizantoj akceptis prelegon kun diskuto pri la perspektivoj de Esperanto kiel eklezia lingvo. La prelego kun diskuto havos la titolon "Esperanto - ĉu la nova latino de la eklezio? La internacia lingvo servanta al kompreniĝo inter kristanoj el la tuta mondo". Prelegos ĉefepiskopo, Gyorgy Jakubinyi. Poste okazos diskuto. IKUE okazigos ankaŭ sanktan meson kaj tenos informstandon.

*El Ret-info*

## 1000

La ĵus aperinta listo de gastigantoj de la plej fama servo de TEJO, Pasporta Servo, enhavas 1075 adresojn en 76 landoj. Krom la adresoj kaj aliaj informoj pri la gastigantoj, anka~u aperas mapoj kun indikoj pri ĉiuj lokoj, reguloj kaj konsiloj pri la uzo de la servo, aliaj utilaj adresoj. Membro de Pasporta Servo estas ĉiu kiu posedas la adreslibron. Gastigantoj ricevas la libron senpage, aliaj povas aĉeti ĝin. La E-vojaĝantaj rajtas je senpaga tranoktado ĉe la gastigantoj.

*El UEA*

## E-muziko ĉe brazila retejo

Sep E-aj muzikistoj aŭ ensembloj estas aperas ĉe la brazila muzika retejo MusicExpress "http://www.musicexpress.com.br", kiu ricevas 70.000 vizitojn monate. Ili estas Flavio Fonseca, Grupo Esperanca, Jacques Yvart, Kajto, Merlin, Persone kaj Solotronik. La prezento estas en la portugala lingvo, sed oni povas ricevi plurajn kantojn de ili en MP3-formato. La retejo apartenas al la kablotelev*ida firmao TV Filme.*

El Nun

## Grava apoganto

En Yomiuri-Ŝinbun, la plej kvanta ĵurnalo en Japanio kun 10.500.000 ekz. tage, aperis artikolo de s-ro Moyosi Etuo, prezidanto de la kompanio Swanee (Swany), ganto-fabrikanto, pri lingvaj problemoj de japanoj kaj Esperanto kiel taŭga solvo.

*El Ret-Info*

# Manifesto 2000 de Unesko

La Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 2000-an "Internacia Jaro por la Kulturo de Paco". Unesko ricevis la taskon zorgi por ke la jaro iĝu okazo por pripensado kaj agado favore al Kulturo de Paco. Grupo da Nobel-pacpremiitoj projektis Manifeston okaze de la 50a datreveno de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. La kampanjo ĉirkaŭ ĝi celas kolekti 100 milionojn da subskriboj prezentotaj al la ĜA de UN en la venonta septembro. Petu ĉe UEA ekzemplerojn de la E-versio. En kluboj, konversaciaj rondoj kaj aliaj okazoj oni legu la tekston kaj diskutu pri ĝi. Subskribu kaj kolektu subskribojn.

*Renato Corsetti, UEA-vicprezidanto*

# Sukceso

Dum 5 jaroj la franca _tato, departemento "Cítes D'Armor" en regiono Bretonio, pere de la urbo St Bieuc pagos junulon por subteni la prezenton de "Pedagogia valizo" pri Esperanto en la petintaj lernejoj de la departemento. Sume la subvencio atingas _iu jare dum kvin jaroj po 108840 Francaj frankoj, tio estas pli ol 90 % de plena salajro (t.e.) kun la socialaj elspezoj.

*El Ret-Info*

**HEF**
**www.esperanto-es.org**



# La enigmo de l' @raneo

Ĵus aperis, en kataluna versio, romano de Abel Montagut kun la titolo — L'enigma de l'arany@ —. Antaŭvideblas ĝia apero en esperanta formo post pluraj monatoj. En ĝi rolas pluraj figuroj el ĉi tiu mondo, interalie kelkaj inspiritaj en la ibergrupanoj. La ĝenerala temo estas: Eladi, 18-jara knabo, ricevas anoniman mortminacon kontraŭ sia patro tra la retpoŝto. Se li akceptos kunlabori laŭ la propono de sinjoro Ips Ilono, li povos savi la vivon de sia patro. Ĉu certas la historio pri la murdo de la filino de la anonimulo? Dum la esplorado, Eladi kaj lia amiko Kalu havas la ŝancon plivastigi siajn konojn pri la Templanoj krom ankaŭ pri la universala literaturo, pere de elektitaj tekstoj de Kafka, Pessoa, Tolstoj, Boccaccio kaj multaj aliaj. Sed, kiel tio rilatas la anonimon? Jen _La enigmo de l' @raneo_. Cetere la romano disponas propran retpaĝon, kiu estas: www.stel.net/aranya.

Montagut, Abel: —L'enigma de l'arany@—; Pagès Editors, 2000, Sant Salvador, 8; 25005 - Lleida "ed.pages. editors@cambrescat.es"

# La verduloj estas kun ni



Dua Kongreso de la Eŭropaj Verdaj Partioj. Parizo, Cité de la Science.

Rezolucio pri Esperanto:

A: La internacia lingvo Esperanto devus esti elektebla kiel opcio en eŭropaj lernejoj, ĉar ĝi estas neŭtrala kaj facile lernebla. Esperanto subtenas la komprenon kiamaniere lingvoj funkcias. Ĝi estas ideala ponto por superponti la interspacon inter la kulturoj.

B: La internacia lingvo Esperanto devus iĝi unu el la oficialaj lingvoj de la EP-/EU-sistemo kiam la principo de la "egalrajteco de la lingvoj" devas esti haltigata. Post la EU-etendiĝo tiu ĉi principo ne plu estas uzebla simple pro teknikaj kaŭzoj.La neŭtrala lingvo Esperanto iĝos la reprezentanto de tiaj lingvoj, kiuj ne estos elektataj kiel oficialaj labor-lingvoj en la EP-/EU-sistemo.

Subskribis: Victor Cavaco (PT), Solange Fernex (FR), Natalie Kirvalidse (GE), Daniel Jositsch, (CH), Marton Vargha (HU).

La komitato de la EVFP kunmetis ambaŭ rezoluciojn kaj decidis interrete. Fine de septembro 1999 la konsilio de la EFVP kunsidis en Bratislava. Martin Minich kaj lia kolego reprezentis tie AVE-n por informi kaj eble defendi nian rezolucion. Sed ne necesis defendi ĝin — do, nia rezolucio estas akceptita de la EFVP (Eŭropa Federacio de Verdaj Partioj)!

*Zoran Ciric*



# Emas korespondi

* Fátima Viana; 36-j. Fraŭlino, dez. korespondi pri vojagado, lingvoj, kulturo, historio, psikologio, i. a. aparte kun Hispanoj kaj aliaj Eŭropaj landoj. Adreso: C7, Lote 16, Apto 1208; Edifício Via Centralle; Taguatinga Centro; Brasília-DF; Brasil (Brazilo); Tel: 72010-070

* Pavla Zemanová intencas fondi societon "Esperantista Hund-Amikaro" (EHA). Do ŝi volas korespondi por interŝanĝi spertojn, konsilojn, instigojn, ktp. Adreso: U starého mlyna 18/16; 10400 Praha 15 Uhřiněves; Ĉeĥio. Tel: 67712264.

* Ĉina universitata profesoro deziras korespondi hispane aŭ esperante. Zhang Wen Xiang; Jian She Dong Lu 24 Fanyishi; Zheng Zhou, Henan; Ĉinio.

# Forlasis nin

* En Madrido forpasis S-ino Marcelina Palomo, dumviva membro de HEF kaj edzino de S-ro Angel Figuerola, kiu estis Prezidanto de HEF de 1970 ĝis 1978, kaj disvastigis esperanton en la blinda asocio ONCE. Ŝi ricevis la premion Klara Silbernik, en ties tria jaro, kaj aktive laboris en la madrida movado kaj partoprenis en multaj kongresoj naciaj kaj internaciaj, akompanante la edzon al diversaj landoj por partopreni en kongreso de blinduloj. Ni kondolencas S-ron Figuerola kaj la gefilojn.

*Lupe Sanz Bueno*

* Roberto Castelló Pujades naskiĝis en Barcelono en 1914. Li lernis E-on en 1928 kaj agadis kiel delegito de la Zamenhofa Instituto ekde 1932. Dum la lastaj jaroj de sia vivo li estis UEA-delegito en Andoro, kie li loĝis. Li posedis gravegan bibliotekon pri internaciaj lingvoj kiun li donacis al la Muzeo de Esperanto de Sant Pau d'Ordal. Li, nobla idealisto, aktiva korespondanto kaj bona amiko, forpasis la 26an de aŭgusto 1998. Li pace ripozu!

*J.M.R.H.*

# EEU (Eŭropa Esperanto-Unio)

* La 4a Eŭrop-Unia E-Kongreso okazos en Ostendo (Belgio) de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo. HEF, landa asocio de EU, havos oficilan reprezentanton. Ĉefa kongresa temo estos: kio estas EEU? Kion ĝi celu?

* En oficiala renkontiĝo, (Romo, 03.02.00), la Prezidanto de Eŭropa E-Unio, Umberto Broccatelli, kaj la Sekretario de "Esperanto" Radikala Asocio, Giorgio Pagano, trovis sin interkonsentaj pri la neceso konstrui konstantan aranĝon de politika sinergio de la E-agado en Eŭropo, kiu agu alcelante sian strebadon ene de difinita tempa horizonto.

La Prezidanto de EEU proponos al sia Organizaĵo aliĝon al la "Politika komitato 2020", lanĉita en Bruselo de la radikaluloj, specife por kunvoko en la jaro 2001 de unua "Eŭropa Konferenco pri la lingvoj" fare de la instancoj de Eŭropa Unio.

La Trojko de EEU, e-poŝte konsultita de la Prezidanto, aprobis la proponon aliĝi al la "Politika Komitato 2020".



# KEF

Ĉi jare Kultura Esperanto-Festivalo estos iom ibera, kvankam ĝi okazos tre norde, ĉi foje en Helsinko de la 17a ĝis la 23a de julio. Jes, la tuta grupo de iberaj literaturistoj "aktive" partoprenos tiun faman nordian eventon, en kiu elstaras moderna E-muziko prezentita de plej bonaj kantistoj kaj bandoj.

Krom prelegoj kaj gvido de atelieroj niaj samlandanoj prezentos... teatraĵon! Nu, temas pri mallonga peco verkita de Gonçalo Neves, kiu aktoros kune kun J. Camacho, A. Valen, Liven Dek kaj Miguel F-dez. Ĉu vi povas imagi tiun kvinon sur scenejo? Mi havis kelkajn dubojn, tamen ne tro multajn, ĝis mi spektis ilian provon en Madrido la pasintan 11an de marto. La etoso estis mirinda kaj ni ĉiuj multe ridis. Ĉu eble sub la influo de "nutra" vespermanĝo bone priverŝita per abunda vino kaj brando?

3 tagojn la *teatra trupo* kune kun aliaj membroj de la "ibera skolo" Abel Montagut, Josemari Sarasua kaj la organizantino de KEF, Riitta Hämäläinen, ĝuis en pure esperanta etoso, preparis la someran eventon kaj parolis pri homaj rajtoj kaj aliaj artoj.

Sukceson al ili en KEF! Ĉu vi aliĝos?

Inf: Boletín aŭ KEF; Siltasaarenkatu 15 C 65; FIN-00530 Helsinki, Finnlando

# BILBAO TRA SUDAJ OKULOJ

Survoje al Valencio por Kristnasko, mi haltis kelkajn tagojn en Bilbao. Mia nuna intereso pri tiu urbo radikas diversloke: unuflanke, ĝi estas "la" urbo pri kiu ĉiuj ĝisdatigitaj homoj en Londono —kie mi loĝas— parolas admire jam dum du jaroj: lastatempe eĉ pluraj el miaj konatuloj ĝin vizitis, ĉefe allogataj de la Guggenheim Muzeo. Aliflanke, ekde la pasinta somero, mi multe aŭdis pri ĝi rilate al Esperanto. Rezulte, kiam mi vidis eblecon ĝin viziti kaj ĉeesti kaj kutiman semajnan E-kunvenon kaj Zamenhof-tagan Feston, mi neniel dubis.

Bilbao: malgranda, interesa urbo multfaceta.

Stratetoj serpente labirintas tra la malnova urbo; sed ne timu, se vi perdiĝas aŭ laciĝas, haltu kaj rigardu ĉirkaŭen: ne gravas kie ajn vi estos, vi certe vidos alloga(j)n restoracio(j)n aŭ trinkejo(j)n, kaj ne forgesu ke Vaskio famas pri bonega manĝo!

Dum antaŭaj vizitoj, mi ne rimarkis, aŭ iel forgesis, ke ĝi havas plurajn iom grandajn, trankvilajn parkojn ene de la urbo, kun promenejoj, benkoj kaj belaj arboj. Unu el tiuj parkoj situas tuj malantaŭ la moderna kaj tre impona Kongresa Palaco, ŝipform-evoka, memorigante nin pri la ĉiam evidenta Bilbao-emo al la maro. Fakte, subite, preskaŭ sen fendo, ni jam troviĝas meze de la novjarcenta urbo: tiu kongresejo; la rajte fama Guggenheim Muzeo, magie farita el kvazaŭ-marondoj; la konstruata



apudestuara promenejo; la "Euskalduna" Ponto; ktp.

Montoj kaj akvo: ĉu rivero, estuaro, protektita aŭ sovaĝa maro; se vi piediras rekten en iu ajn direkto, vi nepre alvenos al akvo aŭ monto, kelkfoje intermiksitaj, kiel en la fieraj klifoj norden. Kiam oni rigardas el unu el la multaj videjoj, oni bezonas informon por scii ke oni fakte

vidas multajn apartajn urbojn, krom Bilbao-n, kaj por distingi, ĉefe socie, inter la maldekstra kaj dekstra partoj de la rivero; sed promenante al la maro ne necesas helpo por admiri la frape altan —kaze ke ni forgesis la grandegajn ŝipojn kiuj kutimis navigi sub ĝi!— pasintjarcentan Ferponton, kunligante la laborisman Portugalete kaj la elegantan Las Arenas.

Kiu neniam aŭdis pri la vaskoj, kiel seriozaj homoj kiuj preskaŭ nur efike laboras kaj bonguste manĝas? Eble pro tio, iel surprizis min vidi kiom ĝoje kaj malstreĉite ili ankaŭ distras sin. Sabate iom malfrue vespere, ĉe la antikva urbo, homoj abundis surstrate, ĉu ĉe trinkejenirejoj aŭ simple promenante: ne nur junaj aŭ unutipaj, sed diversaĝe kaj aspekte. En kuba trinkejo tipa muziko akompanis nin, liberajn seĝojn ĉiuj avidis, vortoj fluis. Jam malfrue, ankoraŭ multaj homoj ekstere, ni celis

kariban dancejon: ritma muziko ĉefrolis, divershaŭtaj korpoj ĝoje dancis, malfacilis paroli, gajaj mienoj multnombris. Denove surstrate jam je la dua matene, kaj rimarkindis ke eĉ pluveto ne fortimigis multajn piedirantojn.

Eble subkonscie mi laste prikomentos tion, kio plej forte restis en mia memoro: la bele variajn, ĉiam facile atingeblajn promenejojn, ĉefe apud fluanta akvo, ofte sub dramecaj ĉieloj.

Esperanto en Bilbao: eble la ĉefa altiro.

Ĉiusemajne esperantistoj kunvenas tie vendredon vespere, kaj mi tiam havis okazon interkonatiĝi kun pluraj el ili, pri kiuj mi ne parolos detale; tamen mi volus aparte mencii Eduardo Larrouy, malnova —sed certe neniel "maljuna"!— esperantisto ekde komenco de la tridekaj jaroj, plenplena da interesaj memoroj.

Dum tiu unua vizito, frapis min ankaŭ la sidejo mem: en la antikva centro, kaj en malnova domo, sed tre taŭge renovigita interne. Krom konfortajn oficejon kaj klasejon, ktp., ĝi havas ĉambron kiu, kiam finpretigita, estos alloga kuirej-plus-trinkejo; sed plej bele aspektas la ĉefa kunvenejo, kun balkonoj al la strato, ekipita per video-aparato kaj iom granda biblioteko.

En tiu ĉambro ni festis la Zamenhofan Tagon, sabaton la 18an de Decembro: pluraj homoj parolis tiurilate kaj poste, kiel anoncite en la programo, la preskaŭ tridek ĉeestantoj, ĝoje kaj longe, manĝis kaj interbabilis: etoso festis, homoj viglis.

Ŝajnas nekredeble ke mi restis tie dum nur tri tagoj: fakte mi tiom multe vidis kaj faris; grandparte sendube danke al mia gastiganto, kiu lerte montris kaj klarigis al



mi pri diversaj aspektoj de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, kaj pri ties ĉiutaga vivo.

Eĉ tio, kio unufrape ne aspektis alloga, pruviĝis male; ekzemple, la vetero ne estis brila: malgraŭ la mildaj temperaturoj, timemis suno, iom pluvis, ofte grizis, —"ne surprize", mi rezigne diris al mi mem, "en norda Decembro!"—, sed kelkajn tagojn poste, promenante sub bonvena suno daŭre varmkolora, apud mia bela, pli trankvila mediteranea maro, mi subite ekkomprenis sopiron al tiaj aliaj, iom melankoliaj, ja belaj kaj ofte imponaj, pejzaĝoj.

*Ana Montesinos.*

**Libroservo de HEF**

Apartado 119

ES-47080 Valladolid

Tel: 983-26-00-86



# Lingva angulo

## LINGVA ANGULO 11

**de Antonio Valén**

ESPERANTO, VIVANTA LINGVO: MORFOLOGIA KAJ SINTAKSA EVOLUO.

En la pasinta *Lingva Angulo* mi parolis pri la leksika (= vorto-stoka) evoluo de esperanto. Hodiaŭ, mi volas kompletige pritrakti la evoluon morfologian (= vorto-forman) kaj sintaksan (= fraz-funkcian).

### 1. Morfologia evoluo

Zamenhof kreis **prepozicion kun nedifinita senco** ***je***, kiun oni ĉiam povas uzi, kiam la senco ne montras klare, kia prepozicio konvenas. Iom post iom la parolantoj ekuzis aliajn prepoziciojn tie, kie la primitiva esperanto utiligis ***je***. Hodiaŭ la nedifinita prepozicio apenaŭ aperas en la ĉiutaga lingvo krom en kelkaj tre konkretaj esprimoj, ekzemple adjektoj de horo (***je la tria*** = *a las tres*).

La formo *-**um**-* respondas al la prepozicio ***je*** en la **afiksa sistemo**. Nuntempe ĝi aŭdeblas eble nur en kvardeko da vortoj (*aerumi, akvumi, amindumi, blindumo, brakumi, cerbumi, datumi, dekuma, fingrumi, foliumi, gustumi, kalkanumo, kolumo, kolombumi, komunumo, krucumi, krurumo, literumi, manumo, mastrumi, mondumo, nomumi, okulumi, palpebrumi, panumi, pendumi, plandumo, plenumi, proksimuma, rapidumo, rulumi, saĝumi, salivumi, seksumi, somerumi, spikumi, sunumi, tendumi, ventumilo* ktp.). Aliaj afiksoj maloftiĝintaj kun la tempo-paso estas ***ek***- (komenca aŭ momenta ago), -***aĵ***- (konkreta objekto koncernata de la radiko), -***ec***- (abstrakta kvalito) kaj -***ar***- (grupo, kolekto) (de Diego, 1984: 28).

Trouzado de **kunmetitaj verbo-tensoj** malelegantas en moderna esperanto; tamen ili foje neeviteblas, ekzemple por distingi *Si pudiera, te lo diría* (***Se mi pov'us, mi dir'us tion al vi***) disde *Si hubiera podido, te lo habría dicho* (***Se mi est'us pov'int'a, mi est'us dir'int'a tion al vi***). Por malpezigi la lastan frazon ekzistas sinteza solvo danke al la morfologia evoluo: la logiko de la vort-kunmetaj reguloj ebligas la formon ***Se mi pov'int'us, mi dir'int'us tion al vi***. Vere esperanto tre elastas, kvankam kelkaj el niaj ĝisostaj amatoraj gramatikumantoj ankoraŭ ne akceptas tian frazon. Kompreneble ĉi tiu skemo validas por ĉiuj kunmetitaj verbo-tensoj.

Mi jam aludis en *Lingva Angulo 5*, ke estas du manieroj nomi landojn en nia lingvo: jen oni eltiras la nomon de lando el ties popolanoj (***hispan'o*** = *español*; ***Hispan'i'o*** aŭ ***Hispan'uj'o*** = *España*); jen oni eltiras la nomon de la popolanoj el ties lando (***Kanad'o*** = *Canadá*; ***kanad'an'o*** = *canadiense*). Tamen la oficialaj ***Koreo-koreanoj*** neniam estis ŝatataj de koreoj, kiuj ja preferas ***Koreio-koreoj***.

Samloke ni vidis la evolu-tendencon **ĥ** > **k** (variaĵo: **ĥ** > **ĉ**), kun la rezultoj ***arĥetipo*** > ***arketipo*** (*arquetipo*), ***arĥivo*** > ***arkivo***

(*archivo*), ***ĥameleono*** > ***kameleono*** (*camaleón*), ***ĥemio*** > ***kemio*** (*química*), ***teĥniko*** > ***tekniko*** (*técnica*) kaj ankaŭ ***ĥino*** > ***ĉin'o*** (*chino*).

Fine, alian gravan trajton de la morfologia evoluo ni povus nomi "**emo al —E**", nome emo al adverbigo. Ĝi tre taŭgas por malpezigi erojn prepoziciajn, akuzativajn kaj komparajn. Jen ekzemploj: *Esti **en** la hejmo = Esti hejm**e*** (Estar *en* casa), ***Dum** la tago kaj **dum** la nokto = Tage kaj nokte* (*Por* el día y *por* la noche), *Mi vidis vin la pasinta**n** jaro**n** = Mi vidis vin pasintjare* (Te vi el año pasado), *Ŝi alvenos la venonta**n** semajno**n** = Ŝi alvenos venontsemajne* (Ella llegará la semana que viene), *Forta **kiel** ŝtalo = Ŝtal**e** forta* (Fuerte *como* el acero), *Eksplodema **kiel** pulvo = Pulv**e** eksplodema* (Explosivo *como* la pólvora).

Adverbigo per la finaĵo **-E** ekzistis jam de la naskiĝo de esperanto, sed hodiaŭ ĝi estas multe pli vaste uzata ol antaŭ cent jaroj.

### 2. Sintaksa evoluo

En ĉiuj idiomoj, sintaksa evoluo malpli oftas ol leksika kaj morfologia, ĉar la reordiĝo de la lingva sistemo postulas longegan tempon (ekzemple, la kaza sistemo latina ŝanĝiĝis al la prepozicia sistemo latinida: *Casus bell**i** = Caso **de** guerra*, *Deo gratias = Gracias **a** Dios*, *Jur**e** et fact**o** = **De** derecho y **de** hecho*, *Urb**i** et orb**i** = **A** la ciudad y **al** universo*). Nur evidenta karambolo inter formo kaj funkcio konsistigas escepton al la regulo pri longega tempo. Tio kaŭzis la estiĝon de la prepozicio ***far***, eble la plej bona ekzemplo de sintaksa evoluo en esperanto. Jen la historio de ***far***:

La genitivon de aliaj lingvoj oni esprimas en esperanto per la prepozicio ***de*** (same kiel en la hispana: *La kronado **de** la reĝino = La coronación **de** la reina*), sed ***de*** utilas ankaŭ por esprimi la pasivan ag-adjekton (kiun hispane ni esprimas per *por*: *El alcalde recibió a los congresistas* í *La recepción de los congresistas **por** el alcalde*). La traduko de ĉi lasta frazo en esperanton jenas do: "La akcepto ***de*** la kongresanoj ***de*** la urbestro". Kiu ricevas kiun? Tia frazo ne akcepteblas en lingvo, kies ĉefa trajto estu klareco. Tial jam en 1906 Zamenhof proponis novan prepozicion ***ab***, specialan por la pasiva ag-adjekto (*La akcepto de la kongresanoj **ab** la urbestro*), sed ĝi tute ne disvastiĝis; male, oni proponis ankoraŭ pliajn neologismojn (***par***) aŭ plivastigan signifon de ekzistantaj prepozicioj (***de***, ***per***), kiujn same neniu ekuzis.



Zamenhof ankoraŭ proponis ***flanke de*** (‘*al, del lado de*‘), sed tiu prepozicia konstruo povas ja signifi ***krom*** (‘*aparte de*‘), t. e. preskaŭ la malon. La problemo plu ne solviĝis ĝis Grosjean-Maupin lanĉis en 1926 ***fare de*** (‘*de, por la acción de*‘) surbaze de la radiko de ***far'i*** (*hacer*). Oni tuj ekuzis la paralelan konstruon ***far' de*** (analogie al la pseŭdoidiotismo ***dank' al*** ‘*gracias a*‘). ***Far' de*** sugestis la prepozician uzon de la nuda radiko ***far*** pro ties simileco al ***pere de*** (emfaza formo de la prepozicio ***per*** ‘*con, por medio de*‘), kaj tiel oni ricevis vorton taŭgan, klaran kaj kurtan por esprimi la pasivan ag-adjekton: “La akcepto de la kongresanoj ***far*** la urbestro” (Albault, 1956).

La fina akcepto de ***far*** fontas el la diferenco inter neologismoj leksikaj kaj sintaksaj: la unuaj enpenetras la lingvon relative facile, malkiel la duaj, ĉiam sentataj fremdaj elementoj. ***Far*** kiel sintaksa neologismo ne estis fremdaĵo, ĉar ĝi fakte jam ekzistis kiel parto de la lingvo.

Notu bone: 1) La diversaj aŭtoroj lanĉis plurajn proponojn, sed nur la esperanta komunumo elektis la definitivan formon. 2) ***Far*** estas pura esperantismo, same kiel ***adasismo***, ***krokodili*** kaj ***kabei***.

Ni invitas la leganton cerbumi pri la origino de la hispana prepozicia konstruo *por parte de*.

**Cititaj verkoj:**

—A. Albault, “La prepozicio ĉe la pasivo”, *Scienca revuo*, 1956/2, p. 136 k. s.

—F. de Diego, *Pri literatura kritiko*, Saarbrücken, Artur E. Iltis, 1984.

**TTT-ejo de la 85a UK:**

**www.esperanto.org/uk2000**



## Lumoj el pasinto, kiuj ankoraŭ lumas.

### Don Pedro Calderón de la Barca

Calderón estas unu el la grandaj verkistoj de sia epoko. Kvankam li vivis en unu el la plej brilaj periodoj de la hispana beletro, Petro Calderón de la Barca rangis/as inter la unuaj grandaj aŭtoroj universale famaj: teatroverkisto, poeto, artisto de la parolo, li donis al sia poezio profundan filozofian kaj religian signifon, ja li vidis la vivon tra la baroka prismo de mondo plena de tonoj koloraj kaj muzikaj...

Li naskiĝis en 1600, ĉi-jare do ni celebras lian datrevenon, kaj li studis en la Universitatoj de *Alcalá* kaj *Salamanca* kaj vivis tumulteman junaĝon, kiu sin montris per oftaj publikaj skandaloj. Sed paralele al tiu diboĉa vivo, li partoprenis, ankoraŭ tre juna, same kiel Lope de Vega kaj aliaj grandaj tiuepokaj verkistoj, en la famaj naciaj beletraj konkursoj pri la kanonizoj de Sankta Isidro, Sankta Tereza kaj Sankta Ignacio, kaj tio donis al li grandan prestiĝon

situante lin ĉe la avangardo de la tiamaj hispanaj verkistoj.

En la jaro 1623 li jam publikigis sian unuan komedion "Amo, honoro kaj povo", per kiu li komencis sukcesan etapon kiel teatro-verkisto. Sed li ne nur verkis teatraĵojn sed ankaŭ mitologiajn, priĵaluzajn kaj prireligiajn dramojn kaj komediojn pri plej diversaj temoj, li havis tempon eĉ por verkado de poemoj, kiel jena bela soneto:

## Al la Floroj

Ĉi tiuj kiuj estis pomp' kaj belo,
kiam vekiĝis en l' aŭrora klaro,
vespere, kun domaĝo kaj amaro
dormiĝos nokte palaj en malhelo.

Tiu nuanc', defio al ĉielo,
aperis kun orstrioj kaj ruĝharo,
kaj taŭgos kiel sperto-akaparo;
ho! kiom grandas unu tag-rivelo!

Atingas rozoj ĉe florad' kulminon:
lulil' kaj ĉerk' en unu florburĝono,
kun belo ili trovas tristan finon.

La propran vivon vidas mem persono:
naskiĝas, mortas, finas hom-destinon,
nur horoj post jarcentoj da voĉ-sono.

En 1635 li verkis "La plej granda ĉarmo: la Amo", tre sukcesan teatraĵon kiu konfirmis ĉies esperojn rilate al lia talento, kaj en 1637 li dungiĝis je la servo de la duko Infantado, kaj partoprenis en pluraj militkampanjoj, sed li neniam forlasis la verkadon.

Kiel teatroverkisto Calderón uzis du stilojn: la unua montras la draman realisman koncepton, kiu fariĝis tradicia, kreitan de Lope de Vega. La dua stilo malproksimiĝas de tiu realisma kaj kreas proprajn stilo-komediojn kun elstarigo de lirikaj valoroj kaj ideologia enhavo kun profundaj konceptoj filozofiaj aŭ religiaj, kiel "Vivo estas revo", el kiu mi prezentas mallongan pecon:

## Vivo estas revo...

Tio veras sed modero
Kontraŭ ambici' konvenas.
Ĉar se revo ĉe ni venas,
Ni ĝin ŝirmu de l' kolero;
Sen fier' ni faru provon
En ĉi mondo tre avara,
kie sperto montras klara
Ke la viv' nur estas revo.

Ĉiu homo revas celon
Ĝis vekiĝo de l' deliro,
Kaj ĝi en la viv' reala
Rolas sian propran revon.
Revas reĝo esti reĝo
Kaj en tiu trompo vivas.
Revas li kun sent' jubila
Kaj en sia trompa rolo
Kredas aŭdi el popolo
Dankesprimon kaj aplaŭdon,
Tamen post vekiĝ' la laŭdon
Oni skribas sur la vento,
Ĉar en cindroj, ho fisorto!
Ĝin transformas fata morto.

Antaŭ tiu fidestino
Ŝajnas celo malprudenta
Voli povon, ne atenta
Al la vera homa fino;
Kia hom' en sia vivo
Pro aspir' al mon' kaj trono
Ne perceptas ĉe la fono
la mortrevon post vekiĝo!

Riĉa revas pri la riĉo
En la nokto kaj mateno,
Revas malriĉul' kun peno
Pri la propra mizervivo;
Revas kiu pliriĉiĝas,
Revas kiu tro pretendas,
Revas kiu eĉ ofendas
Kaj konklude ni difinas:
Ke la tuta mondo revas
Tion kio ĉiu estas,
Kvankam por esprimi veron
Tion oni ne komprenas...

Kio estas viv'?: sopiro;
Kio estas viv'?: fikcio,
kvazaŭ ombro, iluzio,
Tute simpla homdeziro... ktp.

Segismundo, la ĉefprotagonisto de tiu ĉi verko, estas universala figuro vivanta en terura despero kaj neatingebla espero, intime kaj konstante batalanta inter realo kaj revo. Envolvas la tutan verkon certa fantazia kultismo plenan de lirikaj resonancoj kaj de Calderon-a filozofio: brilas lia lingvostilo de kultismo kaj konceptismo, kolonoj de la tragika grandeco, kiuj mastras la enhavon de liaj verkoj.

La teatro de Calderón devenas el tiu de Lope de Vega, sed li aldonas al ĝi gravajn modifojn, kiuj ŝanĝas ĝin teknike kaj perfektigas ĝian formon, prezenton kaj profundecon. Se Lope alportis kreemon, genian spontanecon kaj improvizon al la nova teatro, Calderón kompletigis tion per sistemigo, per saĝa profundeco kaj maturiĝo. Spirite rezonema kaj logika, li rigardas tre grava doti siajn verkojn per filozofia signifo kaj ofte uzi mitologion. Liaj protagonistoj moviĝas impulsitaj de profunda intelektismo, tiel ke li potencigas la dramon per simpligo de la intrigoj forlasante ĉion akcesoran. Lia baroka lingvostilo montras la kulminon de la kultismo en la teatro per aŭdacaj metaforoj plenaj de certa intelekta konceptismo, kiel en jenaj versoj:

El plej brila bel-dianto,
ĉarmo de plezurĝardeno
eltiras vipur' venenon
kaj l' abel' mielnektaron.

Tiu inklino al troigo kaj kontrasto impulsas lin akcenti la psikologiajn trajtojn de la protagonistoj, kies violentaj pasioj ofte malhumanigas ilin. La priskriba arto de Calderón esprimas sian plaĉon por pentro-arto, kaj lia pozitiva opinio pri utiligo de la muziko en la teatro pelis lin ekuzi ĝin. Jen kial, pro tiu lia koncepto baroka, li enorme komplikis la scenografian teknikon, kio, tamen, donis pri da brilo al la prezento.

Calderón faris el la honoro (plej alta koncepto de la propra digno de la tiamaj hispanoj) ĉeftemon de multaj el liaj verkoj, kiel en *La urbestro de Zalamea*, kiam la urbestro, Don Pedro, fiere respondas al la postuloj de la reĝoreprezentanto:

Doni ĉion al la reĝo,
propran vivon kaj obeon
estas postulebla devo,
sed neniam la honoron,
ĉar esenco de l' animo
estas ĝi, nur je dispono
de la ĉiopova Dio,
mastro de l' ĉiel' kaj mondo.

En 1651 li fariĝis pastro tuj post la perdo de siaj filo kaj edzino kune kun aliaj

malfeliĉoj. Kelkajn jarojn poste li estis nomumita kapelpastro de la hispana reĝo, kio devigis lin translokiĝi al Madrido, kie li persiste verkadis. Liaj teatroverkoj "*autos sacramentales*" (dramoj pritraktantaj temojn el dogmo kaj eŭkaristio) atingis kvalitonivelon vere majstran ne facile supereblan.

Inter la finverko de teatraĵo kaj la ekverko de alia, Calderón skribis poemojn. Jen unu plia, tiu ĉi sufiĉe originala, en kiu la poeto konversacias kun birdo, kiun li dotas per homaj sentoj:

## La najtingalo

Najtingal' majeste nun fluganta
iras trilkantante belajn melodiojn;
ho, envio kaj ĉagren' malplaĉaj!
Sed ne! ĉar se kantas ci nun l'amfascinon
morgaŭ ploros pro ĵaluz' amara!
Ho, najtingal' kiel sven-melankolie
kantas ci la aventurojn amajn
forgesitaj ĉe ci ĉiam emotive
inter tiuj memoraĵoj gajaj!
Gape rigardante cin naiv-kontenta
kiom mia kor' dolore larmas
konstatante cian senton ĝojteneran
kiun ci spontane dolĉe kantas!
Sed ne! ĉar se kantas ci nun l' amfascinon
morgaŭ ploros pro ĵaluz' amara!

Don Pedro Calderón de la Barca forpasis en Madrido en la jaro 1681. Antaŭ ol forpasi, li ricevis leteron de la duko de Veragua, kiu interesiĝis pri la kvanto da verkoj kiujn la aŭtoro kreis laŭlonge de sia vivo. La respondo estis: "110 komediojn, 80 dogmoverkojn, kaj dramojn, zarzuelojn (1), komedietojn kaj multnombrajn malgravajn verketojn kaj poemojn"...

La opinio pri la verkaro de Calderón estis/as tre varia sed neniam banala: s-ro Bietio, nuna direktoro de la teatro Romea de Barcelono, kiu prezentis ĉi lastan teatro-sezonon en Londono kaj Nov-Jorko, tre sukcese, la teatraĵon *Vivo estas revo*, ĵus deklaris, ke la kritikistoj opiniis tiun verkon moderneca, kaj li mem opiniis: "por fari komparon ni diru "ke *Hamleto* estas celo ne atingita, *Vivo estas revo* temas pri verko absolute perfekta, kaj pri tio samopinias miaj britaj kolegoj kiuj konas ĝin".

Okaze de la kvarcent-jara datreveno de la naskiĝo de Calderón, ni havos la okazon, krom senti la plezuron relegi la versojn kaj konceptojn de nia teatroverkisto, ankaŭ legi plej interesajn opiniojn pri la verkaro de tiu giganto de la hispana beletro.

*Antonio Marco Botella*

(1) Zarzuelo: Drama hispana teatraĵo, simila al la franca komika opero kaj al la germana "singspiel", en kiu alternas fragmentoj parolataj kun aliaj kantataj.

---

## ➣ KAFE

De la 5a ĝis la 9a de julio 2000 en Tuluzo (Francio) okazos KAFE, Kultura Arta Festivalo de Esperanto. Petu paperajn aŭ retan informilon ĉe EUROKKA; FR-31450 Donneville; Francio. Tel: 33-561.81.95.95; Rete: eurokka@esperanto.org

Okazos eĉ kant-staĝo kun koncerto fine de la festivalo. La elektita temo estas "homaj rajtoj, paco, libero...". Renkontiĝos korusestroj kaj, kompreneble, bonvenindas eĉ komencantoj. Nu, kantemuloj aliĝu!




# 59a Hispana Esperanto-Kongreso

San Sebastián de los Reyes (Madrid),
29a de aprilo—1a de majo 2000
Kongresejo:
Centro Rosa Luxemburgo
C/ Federico García Lorca s/n

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..................................................................
Antaŭnomo: ......................................................................
Naskiĝdato (2) ........................................ HEF-numero ..................
Adreso ..............................................................................
........................................................................ Poŝtkodo ..........
Urbo ............................................................. telefono ..............
Retadreso........................................................ faksilo ..............

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj en eŭroj: | ĝis la 1a de marto | poste |
|---|---|---|
| HEF-ano | 30 | 39 |
| Ne HEF-ano | 36 | 45 |
| Juna HEF-ano | 21 | 27 |
| Juna ne HEF-ano | 27 | 33 |
| Donacon | | |
| ENTUTE: | | |

Kotizu pere de Caja Postal, konto-numero: 1302-0116-51-0024189825; aŭ pere de la UEA-konto: hefb-m. Poste kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..............................................................

**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodríguez San Pedro 13 - 3º 7
ES-28015 Madrid

www.esperanto-es.org
kongreso@esperanto-es.org
Telefono kaj faksilo: +34 914 468 079



# Saluto de la Urbestro

Karaj geamikoj,

Lingvo, ĉefa rimedo de komunikado kaj pensado, homigis nin. Sed lingvo povas utili jen por unuigi jen por starigi artefaritajn barojn inter homoj.

Tra la historio oni serĉis universalajn komuniksistemojn aŭ pralingvojn, sed nur en la ŝanĝigema 19a jarcento ekestis la unua serioza provo de baza interlingvo.

La pluvivado kaj agemo de esperanto kunligixas al idealoj pri frateco, homeco kaj progreso. Nura mencio de tiu vorto revigas nin pri la plej bonaj kaj noblaj esperoj de nia specio.

Tial, San Sebastián de los Reyes varme akceptas la Landan Kongreson de la homoj kiuj tenas viva tiel valoran trezoron.

Bonvenon, geamikoj!



Ángel Requena Fraile
Urbestro-Prezidanto de la Municipo de San Sebastián de los Reyes

**Subaj fotoj: vizitindaj lokoj en Madrido**











Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora